# Esperanto Numismatika Asocio



**Esperanta Numismatiko** 2014 **Jarkolekto 1 - Numero 1**





*La 1a jarkolekto estas omaĝo al Hans Jankowski*

# *E N H A V O T A B E L O*

***de januaro 2014***

# *A N T A Ŭ P A R O L O*

Lasu min unuavice bonvenigi vin, la unuajn dudekunu membrojn, sekve ĉiujn aliajn legantojn kaj legontojn. Hodiaŭ vi ricevis la unuan numeron de la unua jarkolekto de "Esperanta Numismatiko", la organo de la freŝdate fondita "Esperanto Numismatika Asocio" (ENA).

La instiga kialo koncerne tiun iniciaton estis la konstato, ke en nia movado la propra numismatiko estas preskaŭ nekonata, eĉ en la rondo de kolektantoj. Sufiĉas provi trovi spurojn en la movada historio. Vana laborado, preskaŭ senrezulta serĉado…

Kaj tiuj kiuj scias ke en Esperantujo tamen ekzistas medaloj kaj moneroj, probable supozas ke ili estas kvante kaj kvalite tute malgravaj. Tial unu el la celoj de ĉi-iniciato estas montri al la esperantistaro kaj al la cetera mondo ke esperantaj numismatikaĵoj estas kolektindaj kaj nepre pristudendaj artefaktoj.

Niaj esperantaj filatelistoj havis dum la antaŭa jarcento diversajn klubojn, eĉ katalog(et)ojn. Multaj el ili bedaŭrinde pereis, malaperis, sed hodiaù ankoraŭ ekzistas grava kaj aktiva asocio kun propra riĉa katalogo kun informoj pri diversaj aspektoj de la filatelo: ELF-AREK (Esperanto-Ligo Filatelista-Amika Rondo de Esperantaĵ-Kolektantoj). Foje ili ankaŭ informas pri numismatikaĵoj en la trimonata revuo "La Verda Lupeo".

Krome nia ĉina samideano **Song Shengtan** kompilis belegan koloran "*Katalogo de esperantaj poŝtmarkoj"* (Ĉina Esperanto-Eldonejo) pri la jaroj 1925-1987. En sia antaŭparolo li diras: "***La libreto estas frukto de la internacia kunlaboro de Esperanto-filatelistoj."*** Suplemento estas anoncata en la postskribo de la unua eldono(1987)…

En la pasinteco la esperanta numismatiko estis okulfrape malfavorita. Ekzemple en la "*Enciklopedio de Esperanto"* ("Literatura Mondo", Budapesto, 1933) mankas la nocioj "pagiloj" kaj "numismatiko". Nur kelkajn liniojn oni trovas pri la "spesmilo", pri "René de Saussure", pri la "Ĉekbanko Esperantisto" kaj pri "Ĉeklibroj internaciaj" krome pri "Ĉekoj internaciaj". Tute mankas ankaŭ la nocioj "monero" kaj "medalo".

Pasintece sendube jam ekzistis numismatoj kiuj sentis mankon kaj bezonon pri “Esperanto Numismatika Katalogo” kaj eĉ de “Esperanto Numismatika Terminaro”. Tamen ĝis hodiaŭ oni ne trovas tiajn verkojn kaj ne malkovras la ekziston de tiamaj numismatikaj asocioj.

Tial mi invitis kaj invitos samideanojn por iĝi membro de ENA, por ke ni povu interŝanĝi informojn kaj ideojn, pristudi objektojn de la propra kolekto, interŝanĝi petojn kaj demandojn pere de ĉi-revuo, kunlabori por iam kompili katalogon kaj terminaron ktp.

Laŭ mi (sed vi estas petata anonci ĉu vi jes aŭ ne konsentas pri tio) nia labormetodo kaj priskribo de la objektoj nepre ne estu diletanta, sed bazata sur kontroleblaj faktoj kaj argumentoj. Tiu metodo tamen neniam barikadu la vojon al racia interpreto surbaze de probableco. Sed oni respektu ĉiam la definon en PIV: “Numismatiko: scienco pri antikvaj moneroj k. medaloj.”

Eble dum la legado vi ricevis la impreson ke por numismatoj tute ne ekzistas konsultlibroj. Male tamen. Nia samideano **Hans Jankowski** (Dortmundo / Germanio) kompilis kaj eldonis kelkajn rekomendindajn broŝurojn:

*“Esperanto Medaloj + Moneroj”*, 1990; alfabete-laŭlande; 20 paĝojn

“*Esperanto Medaloj 1912-1995”*, 1995; alfabete-laŭlande; 32 paĝojn + suplemento

“*Esperanto mono / Ilustrita historio pri universala monosistemo*”, 2000; dua kaj kompletigita eldono; 32 paĝojn

# *E N K O N D U K O*

En la Jarlibro 2013 de UEA vi povas trovi anoncon pri la freŝdata fondo de ENA, nova faka grupo kun propra revu(et)o. Jen, en via komputilo vi nun havas senpage la unuan numeron de "Esperanta Numismatiko", dediĉita al s-ro **Hans Jankowski**. La aperon de ĉi-perreta informilo mi konsideris kiel agrablan taskon kaj servon al vi ĉiuj, sed mi ege esperas ke ankaŭ vi, fojefoje aŭ regule, kontribuos al la venontaj numeroj, ekzemple per artikolo, ilustraĵo, foto, demando, peto,reago, mesaĝo, propono, rimarko ktp. Se ne, tre baldaŭ la ĉaro estos tro peza por unu nura tirĉevalo…

Celoj de nia asocio estu evidente "informi pri esperantaj numismatikaĵoj inter esperantistoj kaj konigi Esperaton en la rondoj de internaciaj numismatoj" (Jarlibro 2013, p.70). Antaŭ nelonge nia membro Elda Dörfler instigis min ankaŭ sendi artikolon pri ENA en mia gepatra lingvo al la redakcio de la nacia revuo de belgaj numismatoj. Baldaŭ ĝi aperos.

Ĉi-tiu revuo ankaŭ helpu nin realigi du aliajn celojn: estontan kompilon de katalogo (kun suplementoj) kaj kompilon de numismatika terminaro. Tial gravas, montri kaj science priskribi diversajn numismatikaĵojn, korekti erarojn, kompletigi informojn, ktp. Ni nepre regule korespondu pri niaj vidpunktoj tiurilataj Estas ankaŭ evidente, ke ni interŝanĝu informojn kaj ideojn se ni volas sukcesi!

**Hans Jankowski** ne limigas numismatikon al moneroj kaj medaloj. Li krome distingas inter la jenaj kategorioj: internacia kaj loka helpa mono, esperantistoj sur naciaj moneroj kaj bankbiletoj, brikoj, valormarkoj, kreditbiletoj kaj donackuponoj uzitaj de Esperanto-asocioj kaj -grupoj, fantaziaĵoj, kvitancoj en Esperanto de monŝanĝaj aŭtomatoj kaj internaciaj transpagiloj.

Vi mem rajtas proponi novajn rubrikojn, ĉar en la unua (prov)numero mi prezentas nur tri rubrikojn. Unue la rubrikon "MEDALOJ & MONEROJ" kun jam tri tipoj de medaloj, due la rubrikon "RETPOŜTO", kiun mi KAJ VI plenigu per diversaj mesaĝoj, kontribuaĵoj, rimarkoj, demandoj ktp, kaj trie la rubrikon "KOLEKTAĴOJ", en kiu ĉiu el vi povas montri kaj prezenti objekto(j)n el la propra kolekto.

Nia unua numero estos sendata ne nur al la dudekunu membroj, sed ankaŭ al jenaj bibliotekoj kaj muzeoj:

*Esperantomuzeo kaj Kolekto por Planlingvoj (Aŭstrio)*

*Esperanto-Fondaĵo Cesar Vanbiervliet (Belgio),*

*Bibliotheko Montagu C.Butler (Britio),*

*Esperanto-muzeo en Svitavy (Ĉeĥio),*

*Germana Esperanto-Biblioteko Aalen (Germanio),*

*Fritz-Hüser-Instituto (Germanio),*

*Esperanto-Muzeo de Subirats (Hispanio),*

*Biblioteko Juan Régulo Pérez (Hispanio),*

*Esperanto-Biblioteko "Ramon Molera Pedrals"(Hispanio),*

*Biblioteko de Japana Esperanto-Instituto (Japanio),*

*Dokumenta Esperanto-Centro (Kroatio),*

*Biblioteko Hector Hodler de UEA (Nederlando),*

*Internacia Muzeo de Paco kaj Solidaro (Uzbekio)*

Kun numismatikaj kaj samideanaj salutoj de via

Bert Boon

Ĝis nun ne estis kaj - miaopinie - neniam estu membrokotizo kaj estraro. Ĉiuj membroj estas / estos egalaj kaj samvaloraj kuniniciatantoj kaj kunlaborantoj, kiuj provu iel kontribui al la prospero de NIA asocio. Se ĉiu el vi pri tio povas konsenti, almenaŭ pri tio, ni eĉ ne bezonas statuton.

## *M O N E R O J & M E D A L O J*

## Tipo A 1 - Esperanto medaloj

### 100-jariĝo de Esperanto en Francio







Lando: Francio

Metalo: bronzo

Diametro: 46,5 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 55 gr

Diko: 4,50 mm

### *Averso:*

Meze steleto ĉirkaŭta de la esperantaj nomoj de la kvin kontinentoj. La meza parto ĉirkaŭata de ondego, probable alegorio por la disvastigo de Esperanto. En la marĝeno la skribo: “ESPERANTO LA INTERNACIA LINGVO. 1887-1987”

### *Reverso:*

Busto de Zamenhof kaj marĝena skribo: “LUDOVIKO LAZARO ZAMENHOF: 1859-1917”

## *Rimarko 1:*

La gravuristo estas Serge Santucci. Li laboris kun helpo de s-ano Roger Despiney. De tiu medalo ankaŭ ekzistas arĝentaj ekzempleroj. En 1987 la bronzaj kostis 94 ffr (francajn frankojn), la arĝentaj 615 ffr.

## *Rimarko 2:*

Ekzistas preskaŭ samaspekta medalo de la sama jaro, sed multe pli granda (75 mm diametro, 6-8 mm dika). Averso kun skribo: “UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO”. 1887. VARSOVIO. 1987. Reverso kun la jarciferoj “1859/1917” dekstre de la barbo.

## *Rimarko 3:*

Ambaŭ medalojn eldonis la franca monerofarejo.

## Tipo A 2 – Esperanto medaloj kun ne-esperanta(j) aldono(j)

Ĉu jen la plej unua?







Lando: Francio

Metalo: bronzo

Diametro: 41,80 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 32,50 gr

Eldoninto: F. Magdelaine

### *Averso:*

Busto de Zamenhof kaj skribo: “D-ro ZAMENHOF LA ELPENSINTO DE ESPERANTO” kaj en malgrandaj majuskloj: “F. MAGDELAINE EDIT”.

### *Reverso:*

Persono (ĉu “anĝelo” kun la “verda” anunciacio?) ĉirkaŭata de sunradioj alportas libron super kiu estas la vorto “ESPERANTO” al grupo de kvin personoj. Ili simbolas la diversajn kulturojn kaj kontinentojn. Oni distingas gaŭĉon kun larĝa ĉapelo kaj rajdpantalono, eŭropstile vestitan virinon, japaninon kun kimono kaj peruko, parte nuda afrikaninon kaj virinon vestita laŭ mez-orienta kutimo. Supre videbletas “ĉeno” de steletoj, el kiuj kelkaj estas kvinpetalaj kaj du sespetalaj! Sur la marĝeno estas denove la nomo F. MAGDELAINE, sen EDIT.

## *Rando:*

Triangula majstrosigno de la muldisto (?) kun la vorto "BRONZE".

## *Rimarko 1:*

Ĉi-medalon Hans Jankowski krokize montras kaj priskribas en la broŝuro "Esperanto Medaloj 1912-1995". Laŭ li la medalo estis eldonita en la jaro 1912 de la Esperanto-gazeto "La Movado" kaj ofertita al vendo ankoraŭ en la jaro 1927. Mi legis en Vikipedio ke tiu revuo estis fondita en la jaro 1909. Kaj jen, granda enigmo do! Ne dubindas ke temas pri propagandilo sen dato aŭ jarciferoj. Tamen, sur ***ĉi tiu ekzemplero*** estas aldonitaj horizontala kaj vertikala skriboj. Iu lerte gravuris horizontale: SENS JUIN 1908 (Sens = franca urbo / juin =junio). Multe pli enigma estas la vertikala skribo: FRIQUE ATLANTIQUE en la sama litertipo. Kio okazis en junio 1908 en Sens? Kiu metus la jaron 1908 sur medalo de 1912 (laŭ Jankowski)? Ne forgesu ke la revuo estis fondita en 1909! Kion signifas FRIQUE ATLANTIQUE? Probable la medalo almenaŭ ekzistis en la jaro 1908, aŭ estas ankoraŭ pli malnova!
Ĉu tio pruvas ke la 1-spesmilo-monero de 1912, ĝenerale akceptata kiel la unua Esperanto-medalo/monero tamen ne estis la plej unua? Kaj ke la vera unua estis muldita en 1908 aŭ pli frue? Le medalo ne memorigas pri grava evento (kiel la spesmiloj memorigas pri la arĝenta jubileo de Esperanto en 1912), sed estis sen-data propaganda medalo de kelkaj jaroj post la unua kongreso.

## *Rimarko 2:*

Jankowski ankaŭ mencias, ke la originala medalo ekzistas kun kaj sen hoketo kaj en la metaloj flava bronzo, bronzo arĝentumita, bronzo orumita, arĝento kaj orumita arĝento.

## *Rimarko 3:*

Sur la averso kaj reverso troviĝas apenaŭ videbla, eĉ per lupejo ne legebla subskribo, kiun Jankowski ne mencias.

## *Rimarko 4:*




Laŭ la arta stilo la medalo montras la influon de la tiama tre populara "Nova Arto" (Art Nouveau, Jugendstil, Secession …). Samtempe la alegora temo sur la reverso montras la influon de la Simbolismo, arta movado kiu furoris pli en la literaturo ol en la plastikaj artoj. La motivo de aŭreolo de sunradioj super idila pejzaĝo troveblas ofte sur aŭ en en tiamaj esperantaĵoj, kiel sur la grandioza Nova Arto- kovrilo de la revuo "La Bela Mondo", kies unua numero aperis en … 1908!

## Tipo B – Ne- esperantaj medaloj kun esperanta(j) aldono(j)

Elfosaĵo de la jaro 1990






Lando: Britio (Kent)

Metalo: orumita arĝento

Diametro: 67 mm

Kvanto: nekonata

Pezo: 150 gr

Diko: 4 mm

### *Averso:*

Sidanta diino Palaso Ateno kun en ĉiu mano laŭrokroneto, la dekstra brako etendita. Malantaŭ ŝi videblas altaro kun palmobranĉetoj sur dekoracia tableto kaj nodita laŭrokrono. Sur la marĝeno, ĉe piedo de la diino, troviĝas skribo: "ANDRIEU FECIT" (fecit = faris, kreis) kaj samalte malantaŭ la tableto oni legas: "DE PUYMAURIN DI".

### *Reverso:*

Granda laŭrokrono. Super la krono la skribo: "INTERNACIA CENTRA KOMITATO DE LA ESPERANTO MOVADO". En la krono la skribo: "AL S-RO J.M.WARDEN PRO LIA GRANDA SERVADO AL ESPERANTO". Sub kvinpetala steleto la jaro 1929.

## *Rando:*

Probable majstrosigno (ŝajne bildeto de besto) kaj la skribo: “2 ARGENT”.

## *Rimarko 1:*

La medalo estis inspirita de grandioza ora medalo (unue eldonita en 1827) de la “Societé de Geographie de Paris” (fondita en 1828).

## *Rimarko 2:*

John Maben Warden estis i.a. ĉefredaktoro de la esperanta traduko de la biblio, eldonita en Britio en la dudekaj jaroj de la antaŭa jarcento. Krome li estis kunaŭtoro de “The Edinburgh Esperanto pocket dictionary”, unue eldonita en 1915.

## *Rimarko 3:*

En 1999, sepdek jarojn post la enmanigo al Warden, amatorarkeologo David Villanueva per metaldetektilo hazarde trovis la medalon en novalo laŭlonge de Milton Creek en Sittingbourne, Kent, Britio.

